11-a jaro. — N-ro 1 (119) Januaro 1925.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro;
**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al:
**H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.**



**JARA ABONPREZO: Fr. 10—**
**EKSTERLANDE: Fr. 12.50**

ANTVERPENO
1925

# La Februara numero

DE

# "BELGA ESPERANTISTO"

aperos

POST DU SEMAJNOJ

**Ĉu vi finlegis la unuan numeron**

**nepaginte vian abonon por 1925 ?**

BELGAJ SAMIDEANOJ,

ATENTU !

Rezervu la Pentekostajn tagojn

(31 Majo - 1 Junio)

por ceesti

## VIAN NACIAN KONGRESON

## EN VERVIERS

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

**ADMONO!** Tuj post ricevo ne nuna numero

REPAGU vian kotizon-abonon (FR. 10.--)

por 1925

## a) se vi estas

membro de loka liga grupo:

AL LA KASISTO DE VIA GRUPO;

## b) se vi estas

aparta membro-abonanto:

*Al la kasisto de la Ligo:*

S-RO F. MATHIEUX

94, AVENUE BEL-AIR, UCCLE-BRUSELO

POŜTĈEKO: NRO 39984

## c) Eksterlandanoj

per poŝtmandato al la suprecitita kasisto de la Ligo.

11a JARO. N-ro 1 (119) JANUARO 1925

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543.74

Abonoj kaj Monsendoj
FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Postceko No 39984.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laubezone laŭ manuskriptojn.*

## Al niaj Legantoj

Vivo estas farita el penadoj kaj doloroj...

Ankaŭ la vivo de nia kara revuo trapasis, precipe dum la postmilita periodo, malfacilajn krizojn. Ĉiujn ĝi tamen, malgraŭ ĉio, eliris kun sukceso.

Presigonte ĉi tiun numeron en Januaro, nia presisto informis nin, ke, pro aliaj tro gravaj laboroj nekapablante garanti regulan eldonadon (kiun ni tiutempe preparis), li preferis rezigni la presigon de nia revuo.

Niaj legantoj facile komprenos en kiun konfuzon tiu decido nin ĵetis. Tamen, ne forlasante la kuraĝon, la Estraro de Belga Ligo Esperantista ekzamenis la situacion kaj, post trimonata pristudado kaj diversaj intertraktoj, ĝi povas ree prezenti nian jam malnovan gazeton.

La perdita tempo estos baldaŭ rekaptita! La belgaj Esperantistoj fidu je nia sindonemo al la komuna afero kaj ili en 1925 juĝos, ĉu ni plenumis nian promeson: regula ĉiumonata eliro!

Al ĉiuj ni vokas nun: nia laboro ne estas facila! Tial via devo estas subteni nin. Nur tiele vi helpos la progresadon de la Esperanta ideo en nia lando.

Kaj ni ankaŭ fidas la respondon de niaj belgaj samideanoj!

B. E.

# LA URBO DE NIA XIVa



BARMUREGO DE LA GILEPPE

Certe vi jam konas la nomon de VERVIERS, kaj ĝian mondkonatan famon kiel industria kaj komerca urbo. La fakto, ke oni ofte nomas ĝin «la belga Manchester» jam pruvas, ke ĝi meritas tiun famon. Sed vi, kiujn ni kore invitas por ĉeesti la 14an belgan kongreson, devas ankaŭ scii, ke eble neniu alia belga urbo prezentas, kiel Verviers, el pitoreska vidpunkto, en sia tutproksima ĉirkaŭaĵo, tiom da diversaj kaj admirindaj naturaspektoj.

Unue, kie kuŝas Verviers, kaj kiun vojon vi devos iri por ĝin atingi?

Vi ĉiuj, karaj gesamideanoj, ĉu belgaj, aŭ francaj, anglaj, holandaj k. t. p., alvenos en Verviers per la belega valo de la rivero «Vesdre».

Tiom ĉarma estas tiu valo, ke ĝi inspiris al Victor Hugo, en sia «Vojaĝo al Rejno» entusiasman priskribon. La en 1854 konstruita fervojo, konsiderata tiutempe kiel ĉerverko ĝiaspeca, traboris tiun serpentumantan valon, kaj rezultigis serion da tuneloj, pontoj, viaduktoj, kie naturaj aspektoj, aperantaj kaj malaperantaj subite, sin prezentas al la vojaĝanto en mirinda kaleidoskopa sinsekvo.

VERVIERS, situanta en la mezo de tiu pentrinda valo, prezentas ĉiujn avantaĝojn de la grandurbo, ne havante ĝiajn malbonajn ecojn.

Ĉiuj, kiuj restadis en ĝi, repensas pri ĝi sen enuo, kaj revenas kun plezuro. Fakte, ĝi plaĉas. Ne ĉar glora Pasinteco famigas ĝin, sed iaj stratoj estas beletaj, iaj krucovojoj viglecaj; al tiu, kiu ĝin trairas en ĉiuj direktoj, ĝi prezentas multajn pitoreskajn aŭ graciajn lokojn; ĝi posedas vastajn kaj aerumitajn kvartalojn, plenajn je verdaĵoj kaj foliaroj; malgraŭ ĝiaj fabrikejoj, ĝi estas afabla kaj ridema, kiel ĉiu vera valona urbo.

Forlasinte, la provizoran stacidomon — kiun post kelkaj jaroj anstataŭos nova, laŭ la plej modernaj indikoj planita konstruaĵo — la novalvenanto estas tuj impresata de la korĝojiga atmosfero, kiu regas ĉi-tie. Verviers, laŭŝajne respegulante la bonhumoran kaj gasteman karakteron de siaj enloĝantaj volas tuj montri al la vizitantoj simpatian vizaĝon. Sur la «**Placo de la Venko**», en vasta kaj belega kadro, staras meze de florbedoj la arta monumento dediĉita al la Verviers'aj batalintoj de la lasta milito, unu el la plej belaj en Belgujo. Apude, sur montaĵo, belstila kastelo; en la fundo la **Urba Teatro.**

Se la vojaĝanto malsupreniras al la Urbcentro per la riĉa strato de la Concorde, bordita maldekstre de la bela parko de l'Harmonie (la granda burĝa societo de Verviers), li rimarkos stratojn plenajn je vivo kaj movado, florornamitajn plac-



ALEO DE SPA

ojn, bonegajn restaŭraciojn, komfortajn hotelojn, luksajn magazenojn, grandiozajn komercajn instalaĵojn, modernajn amuzejojn, tramveturilojn ruliĝantajn al ĉiuj direktoj.

Tiu, kiu unuafoje venas al Verviers, estas ankaŭ impresata de la ĉie manifestiĝanta vivego. Ne la plezurpromenantoj, sed Laboro kaŭzas ĝin: ĉie komercistoj, industriistoj, vojaĝistoj rapidas en la stratoj, praktikante la bonekonatan moton: Tempo estas Mono. Ĉie ruliĝas ĉaroj ŝarĝitaj per lanbaloj, ŝpinaĵ-



LA BULVARDOJ

kestoj, ŝtofoj. Ni estas en la fama teksurbo, la granda formikejo, en konstanta rilato kun la tutmondo, kie laboradas miloj da laboristoj. Verviers posedas ankaŭ multnombrajn kaj unuarangajn maŝinkonstruejojn, kardejojn, fabrikejojn de papertubetoj, sap-, ŝu-, ledfabrikejojn. La frandemuloj konas ankaŭ ĝiajn famajn kukojn kaj riztortojn, ne imiteblajn aliloke.

Tiu urbo certe plaĉos al tiuj, kiuj ŝatas viziti lokon, kie tiom da aĵoj elokvente parolas pri industria iniciativo kaj komerca disvastiĝo.

Sed Verviers ne nur havas movoplenajn stratojn por montri. Ja ĝia pitoreska situo en fundo de valo kreas multajn ĉarmajn antikvajn lokojn, precipe en la najbareco de la rivero; sed ankaŭ ĝi posedas unikaĵon en Belgujo: ĝiajn «Boulevards», kiuj supreniras la sudajn montaĵojn ĝis la rava vilaĝo de Heusy.

Ĉi-tiuj longaj, larĝaj kaj ombrumitaj avenuoj, borditaj de graciaj vilaoj kaj riĉaj kasteloj duonkaŝitaj en grandegaj parkoj, mirigas la vizitanton, kiu demandas sin, ĉu li iam vidis ion tiel originalan, tiel admirindan.

De diversaj punktoj superantaj la urbon, oni povas vidi plej impresajn panoramojn.

La Urbo mem prezentas al la vizitantoj kuriozaĵojn indajn altiri la atenton.



MALNOVA VERVIERS. STRATO RENIER

Kiel interesajn monumentojn, ni citu la **Urbdomon** en bela Louis XVII. stilo; la **ĉefpreĝejon St Remacle,** ambaŭ klasigitajn inter niaj naciaj monumentoj ; la **centran Poŝtoficejon,** kies maldika pinto superas ĉiujn aliajn konstruaĵojn; la **Juĝejon** ; la **Ŝtuparon de la Paco** ; la **grandan Teatron** kaj la **Hospitalon,** unu modelo en tiu speco. Ni aldonu la **Muzeon Renier,** enhavantan multajn kuriozaĵojn pri la pasinteco de la Urbo.

En la centro de l'Urbo troviĝas du belaj placoj: «**Placo de l'Martiro**» kun la malnova **preĝejo de Nia Sinjorino** kaj la



LA TOURELLE. BULVARDOJ

**statuon de Chapuis**, senkapigita en la fino de la XVIIIa jarcento por la civila libereco. «**Verda Placo**», bele ornamita de florbedoj, kaj **fonto David**. Apud la centra Poŝtoficejo, staras fonto kaj busto de **Ortmans-Hauzeur** al kiu oni ŝuldas la kreon de la Barmuro de la Gileppe. En la mezo de la «Boulevards» troviĝas la mondfama «**Ecole des Textiles**», vizitata de ĉirkaŭ 800 lernantoj el plej diversaj landoj, ĝis Ĥinujo kaj Japanujo. En la najbareco troviĝas la **statuo de Vieuxtemps**,violonisto kiu famigis sian naskiĝurbon. Ankaŭ la pitoreska, superanta situo de la **preĝejo Ste Julienne** estas menciinda. Ni povus ankaŭ paroli pri la **preĝejo St Joseph**, unu el plej malnovaj en Verviers, baldaŭ malkonstruota pro stratrektigaj planoj.



LA URBODOMO

Krom la jam potenca allogo de la urbo mem, Verviers posedas ankaŭ pli realajn avantaĝojn. Pro la varieco de la ĝin ĉirkaŭantaj pitoreskaj lokoj kaj la facileco de ĝiaj komunikajoj, ĝi fariĝas mirinda centro por ekskursoj.

Norde entendiĝas la altebeno de Herve, la lando de klaraj fruktarbaj herbejoj kaj gajaj farmdomoj, je eble ne tiom senpera ĉarmo, sed kie ĉio konsilas la amon al simplaĵoj. Idilia, trankvila poezieco de la kampara vivo.

Sude de la urbo, la bildo tute ŝanĝiĝas: estas la «Ardeno» la pitoreska montara regiono je turmentita kaj malriĉa tero, je vastaj kaj severaj horizontoj, kie la nobla pinarbo mastre regas; lando kara por la turistoj, kiuj ĉiam trovas en ĝi novajn, fortegajn emociojn.

Barrage de la Gileppe. — Tiu barilo povas esti klasigata inter la plej grandiozaj mirindaĵoj de la inĝenierarto. Ĝi estas giganta murego, kuniganta du montojn por haltigi la akvojn



VERDA PLACO

de rivero, nomita «la Gileppe», kaj formi tiamaniere vastegan akvokuvegon por la Verviers'a industrio. La barmuro estas 47 m. alta, 82 m. longa je la bazo, kaj 136 m. je la supro; ĝia dikeco je la bazo estas 66 m. kaj 15 m. je ĝia supra parto. La tuta volumo de la masonaĵo estas 248.470 m3 kaj ĝia pezo 571.481.000 Kg. La kuvego povas enteni 12.000.000 m3 pezanta 12 miliardojn 240 milionojn da kg. kaj la akvotavolo havas areon de 800.000 m2, do 2 ½ foje la amplekson de la Ĝardeno des Tuileries en Parizo.



MONUMENTO DE LA VENKO

La akvo estas alkondukata al Verviers per subteraj galerioj longaj je 9 km.

La muregon kronumas gigantega ŝtona leono. Kun sia piedestalo, ĝi estas 21 m. 50 alta. Unu ungego mezuras 1 m. 50. Ne nur la barmuro efikas profundan impreson sur la turisto, sed ankaŭ la majesta ĉirkaŭaĵo. La lago estas kvazaŭ enkadrigita de l'Hertogenwald, grandega arbaro, kaj formas pli mirindan spektaklon ol oni povas revi.

Tiu belega pejzaĝo, subite malkovriĝanta post kiam oni ankoraŭ estas impresigita de la grandiozeco de la homo verko,



DOLHAIN. VIADUKTO

havas nerezisteblan efikon. Estas du diferencaj impresoj sekvantaj unu tuj post la alia: la kolosa barmurego, kaj poste la lago, kiu ne ŝajnas naskiĝinta per la homa artofaro.

---

SPA. — Elektra linio en rava trajekto unuhora kunigas Verviers kaj Spa.

La gracia akvourbo, la tielnomita «Perlo de l'Ardenoj», pro sia mondfamo certe ne bezonas longan priskribon. Se tia estus nia intenco, aparta gvidlibro estus necesa por detale paroli pri ĝiaj feinaj fontoj, ĝia ŝaŭmanta kaj bonfara akvo, giaj idiliaj arbaraj promenadejoj. Dum jarcentoj la tuta potenculаro de la Tero venis al Spa, kaj postlasis signojn donante al la nemortonta urbo ĉiam novan allogon.

Dumsomere la urbo estas la okazejo de gravaj sportaj kaj artaj festoj. Ĉiuj publikaj instalaĵoj: Pouhon Pierre le Grand, Casino, Kursaal, Petits Jeux, Teatro, Galerio Leopold, k. t. p.

estas luksegaj. Grandaj simfoniaj koncertoj de universala famo okazas regule. Du ĉevalkurejoj ekzistas.

La kuracado de Spa estas fortiga, rebonigas la ĝeneralan staton kaj la sangon per la ferhava akvo kiel trinkaĵo, de la arteriovalva sistemo per la karbogazaj banoj, de la nerva sistemo per la akvotrinkado, banoj kaj hidroterapio; de la virinaj organoj, per kotbanoj. Plie, tiu kuracado okazas en klimato kaj altitudo, kies fortiga agado jam per si mem multe efikas.

Inter Verviers kaj Spa kaj en iliaj ĉirkaŭaĵoj, la Ardeno uzas sian potencan ĉarmon. Kaj se, preterlasinte la tro ofte piedprematajn landvojojn, oni volas enpenetri pli profunde en la koron de tiu mirinda lando, la ensorĉo pligrandiĝas. Dum oni sekvas unu el tiuj kapricaj riveretoj, kiel **la Hoëgne,** la kadro fariĝas pli severa; la montoj havas pli malmolajn konturojn. La rivereto, kiun la arbaro ĉiuflanke malliberigas, traboras malfacile sian vojon inter haosaj ŝtonegoj; la sovaĝeco kaj soleco akriĝas, kaj se oni daŭrigas sian marŝadon, alvenante al la arbarrando, oni subite ekvidas la senliman **fagnon,** malvolvantan sian dezertan vastecon en unutona kaj griza perspektivo, la krudan kaj sovaĝan teron de la fagnoj, kiu naskas ĉe ĉiuj, kiuj konas ĝin, tiel misteran kaj potencan altiron, kaj kiun oni amas per same profunda kaj senrezona sento, kiel oni amas la Maron.

Kaj se, gvidata de spertaj turistoj, oni post longa marŝado tra tiu dezerto atingas la kulminaciajn punktojn de Belgujo, nome **la Baraque Michel** kaj **la vidpunkto de Botrange,** oni tie sentas plej maloftan ĝuon. Ekster la mondo oni sentas sin; nur en ĉeesto de sia propra animo kaj de la granda senhoma naturo, la mondaj konvencioj kaj mallarĝaj antaŭjuĝoj aperas pli klare en sia eteca ridindeco; la neŝanĝebleco de la eternaĵoj aperas en sia blindiga evidenteco kontraŭ la transeco de la homaj marionetaĵoj.

Dum en la nebula distanco, Verviers en sia valo profunde spiradas, sur la alia flanko, jam aperas la ruĝaj rokegoj de **Malmedy.** Ne malpli ĉarma loko, kiun la packontrakto redonis al ni post jarcento da disiĝo, kaj kie, miksata kun la gajetaj tintetoj de la ĉefpreĝeja sonorilareto, sonas la klaraj kaj ĝojigaj akcentoj de nia sprita valona dialekto.

La aŭtomobiloj, kiuj ĉiudimanĉe transportas de Verviers al Malmedy la nemarŝemajn turistojn, kutimas reveni per la belega valo de l'Amblève (germ.: Amel), fluanta parelele al la Vesdre, tra **Stavelot,** la antikva urbo de la abatejoj, la **akvofalo de Coo,** unu ĉefa allogaĵo de Belgujo, kaj **Remouchamps.** Ĉi-tie, la Naturo kreis subterajn grotojn, kiuj povas rivali kun tiuj de Han. Neniu preterlasos viziti tiun misteran subteran

mondon, kie je ĉiu paŝo novaj mirindaĵoj aperas; ankaŭ la longa boata promenado sur muta akva spegulo ne estos la malpli ŝatata punkto de l'programo.

Ni povus ankoraŭ verki paĝojn pri aliaj ne malpli menciindaj allogaĵoj de la Verviers'a regiono, sed la plej majestaj priskriboj ne valoras la viziton mem. Ekzemple, pri la fama kalvario de Moresnet, apud la belega arbaro de Aix-la-Chapelle (germ. Aachen) pri Montjoie ĉe la rando de l'Eifel, pri la ruinkastelo de Franchimont kaj ĝia glora historio.

Pro tio, karaj gesamideanoj belgaj kaj eksterlandaj, alvenu multnombre al Verviers dum la pentekostaj tagoj de 1925. Verviers ne estas novbakito en la historio de Esperanto. Jam en 1897, la raportoj de la «Poliglota Societo» registras viglajn diskutojn — verdire plejofte kontraŭpartiajn — pri la demando pri lingvo internacia. En 1905, tuj post la Bulonja Kongreso, fondiĝas la «Esperantista Societo». En 1908, la ida skismo kaŭzas severan krizon en tiu societo; la tiutempaj ĵurnaloj ĉiutage enpresigas pasiajn disputojn inter esperantaj kaj idistaj partianoj. Publikaj paroladoj, pli pasiaj mem ol politikaj, okazas en diversaj ejoj, ĉiam je la konfuzo de la idistoj. Je tiu momento la kelkaj restintaj fideluloj fondis «Esperantista Grupo», kiu en 1909 brile festis la 1an belgan kongreson, kun la partopreno de 125 kongresanoj, inter kiuj 50 germanoj, kiu nun ankoraŭ donas signojn de sia vivo, organizante la XIVan belgan kongreson de Esperanto.La milito ne haltigis ĝian agadon; kontraŭe, dum tiu malĝoja periodo ĝi donis konstante tre bone vizitatajn kursojn.

Jam de antaŭ du jaroj, Esperanto estas nedevige instruata en la 4a grado de la urbaj lernejoj; je tiu celo, la Grupo ricevas de la Urbo jaran subvencion de 500 frankoj.

En la Popoldomo laborista grupo vigle propagandas kaj instruas la lingvon.

Dank'al ĝia konstanta propagando en la gazetoj, Esperanto estas konsiderata de la ĝenerala publiko ne plu kiel ridindaĵo. Restas la konkiro de la industriaj kaj komercaj medioj; espereble novaj pliaj fortoj troviĝos por helpi al tiu tasko; cetere tiu celo povas nur esti atingata per internacia kunlaboro, kaj pro tio ni deziras al niaj baldaŭ en Paris okazontaj teknikaj konferencoj plenan sukceson kaj precipe efikan diskoniĝon.

«Esperantista Grupo» havas nun enviindan kunvenejon en la vasta kaj komforta «Popola Universitato», kies sekcio ĝi estas. Krom aparta ĉambro por la grupaj kunvenoj, ĝi povas disponi por siaj solenoj vastan kaj luksan konferencoĉambregon kun kinematografaparato.

IVANO.

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — «La Verda Stelo». — Laŭ decido de la Komitato dum la kunveno de 28-12-24, la ĉiusabataj kunvenoj de tiu grupo havas nun kluban, sekve pli agrablan karakteron; en la kunvenejo troviĝas lego- kaj ludotabloj. La grupo abonis diverslandajn Esperantajn revuojn, kiujn la membroj legas en la klubejo, kie ili povas ankaŭ ludi diversajn societajn ludojn.

La grupo finance subtenis la «Anverpenan Komitaton por Internacia Komerca Lingvo», por la organizo de la Internacia Eksperimento.

«Antverpena Polica Grupo Esperantista». — Dum la monato Decembro okazis inter la Antverpena Policistaro oficiala enketo pri Esperanto, el kiu rezultis, ke 6 policistoj kapablas uzi nian lingvon, 7 ĝin lernas kaj 102 deziras ĝin lerni! — Kelkaj malnovaj membroj de la Polica grupo, fondita dum la Universala Kongreso en Antverpeno (1911), iniciatis restarigi tiun grupon. La neceseco kontentigi la studemon de tiom da kolegoj definitive decidigis ilin realigi sian projekton. Estis tuj fondita provizora komitato, konsistanta el la tri polic-oficiroj, niaj samideanoj Derweduwen, Hermans kaj Zwaenepoel, kiuj sin turnis kun varma alvoko al la malnovaj membroj de la citita grupo. Samtempe ili petis la Urbestraron, ke ĝi permesu la uzon de oficiala loko por organizo de la kunvenoj de la restarigota societo.

Kun ĝojo ni salutas la kuraĝajn amikojn, kiuj rekreskigos la organizaĵon, kiun naskigis en 1911 nia bedaŭrata amiko Amatus Van der Biest-Andelhof, kies memoro ne povas esti pli bone honorigata ol per la revivigo de unu el liaj plej karaj kreaĵoj.

Antverpena Komitato por internacia komerca lingvo. — (Sidejo: Café Suisse, Groenplaats, Place Verte, 2). — La 8-an de Decembro 1924 fondiĝis tiu speciala komitato, kies programon klare elmontras la titolo mem.

La unua plej grava celo estis la organizo en nia havenurbo de kurso kun rilato al la «Internacia Eksperimento pri instruo de Esperanto al komercistoj diverslandaj», pri kiu ni jam parolis en nia decembra numero. La komitato prezentis la planon pri tiu kurso kun ampleksa dokumentaro al la plej gravaj lokaj organizaĵoj pri komerco kaj industrio, kaj petis ilian patronadon.

Notinda fakto estas ke «ĉiuj» tiuj organizaĵoj sin interesis pri la afero, akceptante la petitan subtenon. Akirinte la afablan permeson de la urbestraro uzi lernoĉambron en la Urba Normala Lernejo (Quellinstrato), — kies simpatia direktoro estas nia bonega samideano S-ro Ad. Finet —, la komitato malfermis la 22an de Januaro, kun 50 gelernantoj, sian kurson sub la patronado de: la Komerca Ĉambro de Antverpeno (delegito: S-ro V. Gossiaux), la Industria Ĉambro (del.: S-ro P. De Bre-

maecker), la Marafera Federacio, la Antverpena Asocio de Eksport-negocistoj (del.: S-ro M.Lamm), la Societo de Ekspedistoj, Eksport- kaj Importistoj (del.: S-ro Collas), la Supera Komerca Instituto (del.: S-ro Fr. Swagers), la Supera Lernejo de sciencoj komercaj, financaj- konsulaj kaj maraferaj «St Ignace» (del.: S-ro A. Van Assche), la Sindikato de komercaj kaj industriaj oficistoj, kaj la Belga oficista Asocio «Unitas» (del.: S-ro R. Groenweghe).

La unua leciono estis inaŭgurita per bontrafa paroladeto de nia malnova kunbatalanto S-ro Victor Gossiaux (komerca juĝisto), Prezidanto de la Komitato. Ĝin ĉeestis la suprecititaj delegitoj. La kurso estas gvidata de nia amiko S-ro M. De Ketelaere.

La bonan sukceson de tiu entrepreno ni dankas,al la efika informado per la ĵurnaloj aranĝita de S-ro M. Jaumotte, gazetara sekretario, kaj al la ampleksa propagandado letera inter la komercistaro de Antverpeno, laboro efektivigita kaj gvidita de S-ro G. Vermandere, sekretario de a organiza komitato, kiun helpis sindone F-inoj E. Champy, Lemmens, Morrens, G. Van Herendael, Van Merendonck, kaj S-roj M. De Ketelaere, M. Jaumotte, R. Groenweghe, A. Van Assche kaj Vermuyten.

GENTO. — «Genta Grupo Esperantista». — Tiu grupo ageme sin okupas pri la starigo de komerca kurso partoprenonta en la «Internacia Komerca Eksperimento». — Ĝi klopodas starigi Honoran Komitaton por tiu kurso.

«La Progreso». — La 25an de januaro tiu grupo organizis intiman feston kiu, kiel kutime, tre bone sukcesis. Bonaj geartistoj aŭdigis sin, ĉu kantante, ĉu ludante fortepianon. Diversaj ludoj kaj dancado agrabligis la festeton je la granda plezuro de la ĉeestantoj.

LIERO. — Nia malnova kaj ĉiam agema samideano S-ro Leflot starigis novan kurson. Kuraĝon kaj sukceson ni deziras al nia simpatia amiko, la Nestoro de nia movado.

MEĤLENO. — La 4-an de januaro okazis Ĝenerala Kunveno de la grupo, dum kiu la Komitato estis reelektata.

---

LA VERDA STELO. — ANTVERPENO.

KOMUNIKO AL LA MEMBROJ.

Konsiderinte la sukceson, kiun akiris niaj lastaj festoj, kaj ankaŭ niaj kutimaj ĉiusemajnaj kunvenoj,la komitato decidis viglan klopodadon por agrabligo kaj pli-interesigo de tiuj kunvenoj.

Krom ĉiumonata labor-kunsido, kiu, kiel eble plej, okazos la unuan sabaton de ĉiu monato, ĝi aranĝos intimajn kunsidojn, muzikvesperojn kaj paroladojn.

Kiel provo, ni jam anoncas, por la monato de Aprila, la jenan programon:

**Sabate, 4an de Aprilo,** je la 8-a en la salono «De Witte Leeuw», Frankrijklei, 4, ĉiumonata **ĝenerala kunveno.**

**Sabate, 11an de Aprilo,** je la 8-a en la salono «De Witte Leeuw», **Intima kunesto,** agrabligota per societaj ludoj.

**Sabate, 18an de Aprilo,** je la 8-a en la salono «Quatre Nations», Cellebroedersstraat, **Dancad - vespero** (kun «Jazz-band» kaj surprizoj), kiun ĉiuj volos ĉeesti, kiuj sin amuzis dum la antaŭaj baloj.

**Sabate, 25an de Aprilo,** je la 8-a en la salono «De Witte Leeuw», **Parolado** de nia komitatano, S-ro Maurice Jaumotte, ĵurnalisto, kiu parolos pri: **«Kiel ĵurnalo ĉiutage naskiĝas»,** kaj kiu promesis pligrandigi la intereson de la subjekto mem, per la rakonto de anekdotoj.

**Lunde, 27an de April,** je la 8-a en la sidejo: Kleine Hondstraat, 11, **Monata komitata kunveno.**

LA KOMITATO.

---

# BELGA GAZETARO

---

ANTVERPENO. — Ĉiuj ĵurnaloj raportis pri la malfermo de la kurso por komercistoj. — Krom la represo de la oficialaj komunikoj pri tiu kurso, «Gazet van Antwerpen» publikigis (16-1) favoran komentaron pri la internacia eksperimento pri uzo de Esperanto por la komerco. «Se tiu eksperimento sukcesas», diras la gazeto, «ĉu ne estos por la homoj konsola konvinkiĝo, scii ke rimedo efektive ekzistas por interrilati post seso da semajnoj (aŭ maksimume seso da monatoj, se vi malfacile lernas), kun ĉiuj bonvolemuloj, kiuj, tra la tuta mondo, estos farintaj tiun saman sessemajnan (aŭ sesmonatan) studadon?»

« Kaj se tiu movado estus daŭrigata. Se en ĉiu lando sin prezentus almenaŭ mil personoj por renovigi tiun eksperimenton, kaj poste metus sian nomon kaj adreson sur unu listo? » « Kiu scias, ĉu post tiu unua puŝo al la pilko, ĉi tiu ne per si mem daŭrigas la ruladon...,ĉu la mondo ne baldaŭ estus liberigita de unu el la plej pezaj jugoj, kiuj premas sur la diversajn naciojn?»

Legante tiujn liniojn ni vole nevole pensas al la unua ideo de Zamenhof celanta la praktikan enkondukon de la lingvo per la publikigo de la Tutmondaj adresaroj.

«De Diamantbewerker» (31-1): komuniko de la grupo de Esp. Diamantistoj.

«Minerva Nieuws» (18-1): anonco pri nova kurso por la laboristoj kaj oficistoj de la Aŭtomobilfabrikejo «Minerva Motors». Fotografaĵo de la lernantaro kiu finis unuan kurson organizitan kaj gviditan de nia bona propagandisto Remy Van Eynde, al kiu ni plej kore gratulas pro lia efika kaj peniga laboro.

„De Morgenpost», «De Schelde» kaj «Gazet van Antwerpen» (26-1): komuniko pri la unua ĝenerala kunveno de la grupo «Al Triumfo» de S-ta Nikolao.

BRUGO. — «Brugsch Handelsblad» (3-1): diversaj novajoj pri Esp. en la Radiofona fako. «Journal de Bruges» (4-1) kaj (8-1): du rubrikoj pri Esperanto en fremdlando.

BRUSELO. — «Le Peuple» (11-1): komuniko pri starigo en Genève de Esp. radiofona sendstacio. «Het Laatste Nieuws» (16-1): pri la komerca kurso en Antverpeno; (14-1): pri la propaganda parolado en la urbodomo de Mechelen. «De Standaard» (26-1): pri ĝenerala kunveno de la grupo «Al Triumfo» (St Nikolao). «Volksblad» (16-1): pri Esperanto kaj senfadena telefono. «Radio-Belge» (22-1): kroniko radiofonia tradukita el la Bulteno de Internacia Radio-Asocio Esperantista; (19-1): belega artikolo du-kolona de S-ro Jules Blondiau, inĝeniero; la verkisto rekomendas varme la lernadon de la lingvo Esperanto, kiun li, malgraŭ siaj 70 jaroj, lernis en tre malmulte da tempo. Pledado rekomendinda por konvinki skeptikulojn. «Radiophonie pour Tous» (10-1): anonco pri la radiofonia konferenco de Parizo, kun reklamo pri Ido, ilustrita per kutimaj t.n. komparoj inter Esperanto kaj la nomita lingvo. Ni ne perdos tempon kaj paperon por denove kontraŭbatali la jam de longe refutitajn argumentojn prezentitajn en tiu artikoleto. Ĉar tiu ĉi venas de oficiala propaganda organizaĵo de Ido, ni ne dubas, ke «Radiophonie pour tous» ankaŭ publikigos la komunikojn de niaj organizaĵoj.

GENTO. — «Le Bien Public» (18-19 & 21-1): du longaj kaj bone dokumentitaj artikoloj pri la temo «Latino kaj Esperanto»; ni multe rekomendas al niaj abonantoj la legadon de tiu hele klarigita studo, kiu prezentas la problemen pri la internacia lingvo sub ĝia vera lumo.

«Flandre Libérale»: kelkaj novajoj pri la progreso de Esp. en aliaj landoj. (4-1): artikolo titolita «Ido aŭ Esperanto». — Kiun elekti?» kaj subskribita de «Idisto», kiu kompreneble pledas por la unue nomita lingvo. Ni supozas, ke la aŭtoro de tiu artikolo ne legis la tutan dokumentaron kiu jam de longe ekzistas pri la Ida afero, se ne li ne denove prezentus al siaj legantoj la argumentojn jam de longe kontraŭdiritajn de la Esperantistoj kaj ankaŭ de la praktiko, kiu lasta plej multe valoras por ni.

«Gazette van Gent». — (20 & 24-1): anoncoj pri loka kurso kaj pri festo de la grupo «Progreso».

«Vooruit» (24-1): artikolo pri «Esp. en Polujo».

LIEĜO. — «La Wallonie» (4-1): Esperanto kaj T. S. F.

MEĤLENO. — «Gazet van Mechelen» (10, 14, 26, 28-1): anonco pri parolado de S-ro Schoofs en la urbodomo. (20-1: pri la morto de Prof. Carl. J. Arnell en Locama (U. S. A.), kiu sciis 53 lingvojn. La gazeto aldonas, ke ni ne bezonus ĉiujn tiujn lingvojn, se Esperanto ekzistus.

«Le Journal de Malines» (18-1): anonco pri suprecitita parolado.

MONS. — «La Province» (19-1: rubriko Esp. en fremdlando.

NAMUR. — «La Province de Namur» (26-1): bona artikolo pri la konferencoj komerca kaj scienca okazontaj baldaŭ en Parizo.

VERVIERS. — «Courrier du Soir», «Le Travail» (25-26-1): artikolo pri la diversaj konferencoj kaj kongresoj, kiuj okazos dum 1925 en Parizo kaj en Genève. Noto pri la nacia Kongreso en Verviers.

# PRI TURISMO

Turismo! Tiu internacia vorto, nun tiel konata, estas rilate novuzita; ĝi ekaperis nur je l'komenco de la lasta jarcento. Ĝi estis eltirata de la franca kaj angla radiko «tour», laŭ la signifo: ĉirkaŭirado. Antaŭe, oni diris «vojaĝo»: turismo ankaŭ estas vojaĝo, sed pli speciale vojaĝo nur por plezuro. Turismo estas frukto de rapidaj vojaĝrimedoj: komprenebIe, je l'tempo de la senkomfortaj veturilegoj, ne estis agrabla afero vojaĝi por plezuro.

Tamen, la emo al pentrindaj vidindaĵoj estas natura por la homo. Ĉiutempe, la logeco de agrablaj pejzaĝoj, de mirindaj naturaj belaĵoj estis fortega. Se homoj ne plenumis tian deziron, kaŭzo estas, ke ili ne povis agi alie.

La unuaj vojaĝantoj, en la pratempoj estis kredeble la migrantaj popoloj, kiuj ne timis forlasi la patran loĝlokon. Kia sento instigis ilin foriri? Eble la deziro trovi pli agrablan loĝejon,eble la neceseco pri pluaj vivrimedoj. Oni nur povas imagi, kiaj estis iliaj movoj, ĉar ili postlasis neniajn signojn; nur dank'al la rilate novaj sciencoj, komparitaj filologio,estos eble supozi la sekvitajn vojojn, kaj, se la nuna stato de homaj konoj ne permesas definitive fiksi la naskiĝlokon de la homaro, estas tamen eble eklevi peceton de la vualo. Antaŭ miloj da jaroj, homaj estaĵoj jam vivis sur la tero, ilia deveno restas ankoraŭ problemo ne solvita. Dum multaj jarcentoj. loĝantaro konsistis nur el vagadantaj gentaroj, kiuj serĉis taŭgan loĝrestejon. Nur kiam ili estis ĝin elektintaj, ili eble sentis la neceson denove konatiĝi kaj interrilati kun siaj antaŭaj samfamilianoj, el kiuj ili disiĝis.

Ankorau nun, homoj ŝatas revidi la naskiĝlokon. Eĉ nekonscie, la antikvaj popoloj konservis en si-mem la memoron pri sia devenlando, kaj nekonata forto alpuŝis ilin. Tiam komencis la veraj vojaĝoj, kun difinita celo; kaj, kiam estis necese interŝanĝi vivrimedojn, pro ia aŭ alia kaŭzo, tiam komenciĝis komerco. La paŝtistaj gentoj ankaŭ estis speco de vojaĝantoj; se iliaj transmigroj ne estis grandampleksaj, ili eble estis la unuaj kiuj ŝatis la belecon de la naturo.

Pli malfrue, la grekaj filozofoj iris al Oriento, la lando de mirindaĵoj, por serĉi postsignojn de la saĝuloj. Homero ankaŭ estis vojaĝulo, kiel lia kreitaĵo Ulysse, kiu vizitis la ĉirkaŭajojn de la Meza Maro. Sed la unua, kiu vere revivigis la rilatojn inter la malproksimiĝintaj fratoj, estis Herodote (484 a. J. K.). Li vizitis ĉiujn grekajn koloniojn, inter kiuj Babilono kaj Tyr-o kaj li estis ligilo inter la disigitaj popoloj.

(Daŭrigota.) P. BENOIT.

# XVIIa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO.

**GENEVE (SVISLANDO), 3-7 Aŭgusto 1925.**

Pri provizora programo, kotizo, turistaj biletoj, manĝado, loĝado, vojaĝkostoj, ŝparkaso, k. c., vidu nian numeron de Decembro 1924, paĝoj 132-135.

**Loka Kongresa Komitato.** — Le estraro de la Loka Kongresa Komitato (L. K. K.) konsistas el unu reprezentanto de la Internacia Centra Komitato (C. K.), D-ro Privat, unu de la komitato de UEA, S-ro Paul Bouvier, unu de Svisa Esperanta Societo, F-ino Alice Dickmann, unu de la Ĝeneva grupo «Stelo», S-ro Rinaldo Borsa. Financa fako: S-ro Hans Jakob. Ĝenerala sekretario: S-ro Robert Kreuz.

**Vizo de pasportoj.** — La belgaj kongresanoj rajtas eniri Svislandon **sen vizo,** nur prezentante sian nacian pasporton.

**Belgaj kongresanoj** sin anoncu al la ĉefdelegito de U. E. A. por Belgujo: Fr. Schoofs, Antverpeno, al kiu oni ankaŭ povas sendi sian aliĝilon.

# LA SOMERA UNIVERSITATO

La ĉefa novaĵo por la esperantistaro en 1925 estos la Somera Universitato en nia lingvo. Jam antaŭ la milito D-ro Privat projektis tiun aferon kaj de la 1 ĝis 7 Aŭgusto 1925 li intencas ĝin realigi unuafoje laŭ la jena programo, se sufiĉa nombro da partoprenontoj enskribiĝos:

Vendredon, 31 Julio, vespere, la somer-kursoj en Esperanto solene malfermiĝos per ceremonio ĉe la Ĝeneva Universitato sub prezido de ties Rektoro.

Sabaton, 1 Aŭgusto, la prelegoj komencos kaj okazos regule ĉiumatene. La somer-universitato enhavos kredeble kvar sekciojn, unu pri pedagogio kaj psikologio, unu pri lingvoscienco, unu pri fizika scienco kaj unu pri internacia juro.

La unua sekcio estos aranĝata rekte de la universitata lernejo de pedagogiaj sciencoj (Instituto J. J. Rousseau) sub persona gvidado de la konata Prof. Pierre Bovet. Krom la prelegoj pri psikanalizo kaj novaj pedagogaj metodoj, la sekcianoj kunvenos en la instituto kun Profesoroj

Bovet, Baudoin, Flügel, de la Londona Universitato k. a por interparoli pri tiuj temoj kaj kune vizitos interesajn lernejojn, eksperimentaĵojn, k. t. p. Tiu fako interesos antaŭ ĉio la geinstruistojn kaj edukistojn.

La dua sekcio estos aranĝata de la Internacia Instituto de Esperanto. Profesoro Collinson, de la Liverpoola Universitato, kaj aliaj diverslandaj lingvistoj prelegos tie pri la historio, literaturo kaj sintakso de nia lingvo kaj pri lingvoscienco ĝenerale. Ĝi interesos ĉefe tiujn, kiuj deziras pliperfektigi sian konon de Esperanto kaj kapabliĝi por instrui ĝin.

La tria sekcio dediĉos prelegojn el scienco kaj tekniko de radio, celante aŭdigi en nia lingvo instruadon pri tiu temo per kompetentaj scienculoj el diversaj nacioj.

La kvara sekcio estos aranĝata kun helpo de la Ligo de Nacioj, de la Internacia Labora Oficejo, de la Universala Poŝta Unio, de la Universala Telegrafa Unio kaj de la Internacia Komitato de la Ruĝa-Kruco. Ĝi celos informi precize la studantojn pri la statuoj kaj funkciado de la oficialaj interŝtataj institucioj. Krom prelegoj okazos ankaŭ vizitoj.

Ni esperas, ke la enskriba pago por la somera universato povos malaltiĝi ĝis 5 sv. frankoj por la kongresanoj, sed, ĉar ĉiu sekcio komprenehle povos ricevi nur limigitan nombron da partoprenantoj, ni petas afable ĉiujn aliĝontojn, ke ili jam de nun informu nin, sur parata papero, al kiu sekcio ili deziras aliĝi, ĉiam indikante sian profesion kaj laŭvole sian universitatan aŭ lernejan gradon, se ili posedas unu.

---

POR TIUJ, KIUJ IROS AL GENEVE.

Kelkaj eble el ili, kiuj vojaĝos al Genève, jam pripensis postkongresan ekskurson aŭ vojaĝeton.

La elekto, en tiu okazo, estas iomete malfacila. La Svisaj Alpoj multe allogas, sed la grandegaj kostoj timigas preskaŭ ĉiujn. Tial ni atentigas la kongresanojn, ke la Francaj Alpoj estas same belaj kaj vidindaj. Ĉu en la Francaj Savoie kaj Dauphiné,ne estas Chamonix kun la belega Mont Blanc, kaj la Mer de Glace; Annecy, la malnova urbo kun sia lago, Aix-les-Bains, luksurbo kun la lago de Bourget; Grenoble, kun impone bela ĉirkaŭaĵo: la abatejo de la Chartreuse, la Lauteret, k. t. p.?

Kaj por la aliaj, kiuj ne tiom ŝatas la ekskursojn meze de la naturo, ĉu sur la reirvojo ne estas Parizo, LA urbego, kiun oni devas vidi?

Por tiuj kongresanoj, ni speciale aranĝas vojaĝetojn ope aŭ individue kaj ni jam de nun povas certigi, ke niaj malmultekostaj ofertoj renkontos ĉies aprobon, kaj permesos ĉies aliĝon.

Por detaloj oni kiom eble plej Esperante skribas al la ĝenerala agento de la vojaĝoficejo EXCELSIOR: S-ro Maur. Jaumotte, 18, Rue Vleminckx straat, 18, Antverpeno.

Maur. JAUMOTTE,
Komitatano de «La Verda Stelo».

# ESPERANTO KAJ KOMERCO.

La Asocio «Esperanto kaj Komerco» (Paris), komunikas la sekvantan noton:

Ni havas la plezuron informi vin, ke nia komitatani, S-ro Grandean, Prezidanto de la Asocio Descartes (por aplikado de modernaj metodoj en komercaj rondoj) okupiĝis speciale pri la instruo de Esperanto en sia Asocio. Ĉar li estas ankaŭ organizanto de la Halo «Moderna Oficejo» ĉe la Pariza Foiro, li organizis tri kursojn por mastroj kaj oficistoj.Ĉiu serio kalkulas 25 lernantojn kutimajn,kaj pagantajn.Tiel granda estis la sukceso, ke novaj serioj komencos lernadon fine de januaro. S-ro Grandjean esperas sukcesi, ke, en la Halo de Moderna Oficejo, kelkaj lokoj estos, je fiksitaj horoj, okupataj de oficistoj„ kiuj parolas nian helpan lingvon.

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

Tiu-ĉi provo estas plena je intereso por ĉiuj Esperantistoj: por ke ĝi iĝu pruvo, estas necese, ke ĉiu el ni faru kiel eble plej multe por kuraĝigi tiun progreseman firmon. Al viaj konatuloj, kiuj vizitos la Foiron, rekomendu viziti nian samideanon ; al la aliaj, petu ke ili skribu por informoj. Tia agado estos utila por ĉiuj.

---

# MI ŜATAS PROZON

Fragmento el «Kunigitaj Redaktaĵoj»
de L. Van Deyssel. (1)

Granda artisto povas ami sian patrinon, povas ŝati vinon kaj ŝati monon kaj ŝati cent aliajn aĵojn en la vivo. Kiam li pritraktas tiujn aferojn, li faros tion bone, ĉar li estas artisto ĝis en la plej malgrandaj eroj de sia hom-estado, kaj ĉar li parolas pri tio, kio havas lian amon. Sed pli ol lia patrino, pli ol la vino kaj pli ol la mono estos por li lia arto. LIA artio tio estas LA arto,la arto kiun li amas per fortika kaj ĵaluza amo, l'arto, la literaturo kiun sange li venĝas, kiam ĝi estas insultata de la trenaĉado kaj skribaĉado de verkistaĉoj, kiun li permesas nur esti alproksimiĝata kaj karesata per reĝaj piedoj kaj emociitaj manoj. Kaj se li parolas tiam pri ĝi, pri la Literaturo, atentu tiam lian lingvon, kaj vi scios, kia li estas. Aŭskultu tiam la prozon de lia aprobo, la prozon de lia ravo, la prozon de lia amo, aŭskultu bone la prozon de lia moko, de lia rido, de lia malestimanta indiferenteco, aŭskultu lian ĉagrenon, lian plendon kaj lian indignon, aŭskultu, aŭskultu la prozon de lia malamo.

Mi ŝatas la prozon, kiu venas al mi kiel viro, kun brilantaj okuloj,

---

(1) Pseŭdonimo de Karel Lodewijk Alberdingk-Thym (Amsterdam. 1864).

kun laŭta voĉo, spiradanta, kaj kun grandaj mangestoj. En ĝi mi volas vidi l'aŭtoron ridi kaj plori, aŭdi lin flustri kaj voki, lin senti sopiri kaj spiregi. Mi volas, ke lia lingvo ekaperu al mi kiel organo palpebla kaj sonanta, mi volas, kiam mi legas lin en mia ĉambro, ke li el siaj literoj, tremantaj antaŭ mia okulo sentigu al mi spiriton, kiu alproksimiĝas kaj ŝajnas el siaj paĝoj moviĝi en mi.

Mi ŝatas la prozon, kiu alfluadas el la senfineco de l'artistanimo kiel sonomaro, fluanta kviete en vasta ondado alrulanta, alrulanta, ĉiam pli proksime, ebena kaj larĝa, subite lumigata per helegaj brilmakuloj.

Mi ŝatas la prozon, kiu estas senmova kaj impona kiel montodorsoj.

Mi ŝatas la prozon, kiu petolas kaj ĝojegas kiel ventmovata somerarbaro plena je birdoj.

Mi ŝatas la prozon, kiun mi stari vidas kun ĝiaj frazoj kiel urbo de marmoro.

Mi ŝatas la prozon, kiu malsupreniĝas sur min kiel ora neĝado de vortoj.

Mi ŝatas frazojn, kiuj kuras kiel aroj da viroj kun larĝaj dorsoj, viciĝante ŝultro ĉe ŝultro,sekvantaj unu la alian senĉese en pli larĝaj vicoj, supren, malsupren la montoj kun la frapado de iliaj paŝoj, kaj la peza antaŭeniro de ilia marŝado. Mi ŝatas frazojn, kiuj sonoras kiel voĉoj sub la tero, sed leviĝas, leviĝas, plilaŭtiĝas pli kaj pli kaj preterpasas kaj supreniĝas kaj alte tonadas kantante en l'aero.

Mi ŝatas vortojn, kiuj alvenas subite kiel de tre malproksime, ekmontriĝantajn ore el breĉo en la blua horizonto, aŭ kiel malhelaj ŝtonegoj renversiĝantaj alte en l'aero, profunde el luktanta kaj brulanta abismo.

Mi ŝatas vortojn, kiuj falpuŝegas sur min kiel falantaj traboj, vortojn kiuj pretersiblas min kiel kugloj.

Mi ŝatas vortojn, kiujn mi vidas subite stari kiel sovaĝaj papavoj aŭ kiel bluaj cejanoj.

Mi ŝatas vortojn, kiuj el fluo de l'stilo subite bonodoras al mi kiel aromrezino el preĝejopordo aŭ kiel parfumo de virin-poŝtuko sur la strato.

Mi ŝatas vortojn, kiuj subite el la tremegado de la stilo eksonas dolĉe kiel kantetanta infanovoĉo.

Mi ŝatas vortojn, kiuj eke bruetas kiel sufokitaj plorĝemetoj.

Mi ŝatas prozon, kiu steletendas sian ĝojon kaj sian ravon super mi, kiu fajrigas brulegantajn sunojn de amo, kiu veturigas min trans la travidebla glacio de sia malestimo, trans la krudaj, nigraj noktoj de sia malamo, — kiu akre laŭtsonas renkonte al mi la verdan, kupran sonon de sia moko kaj ridado. Se vi volas plaĉi al mi; tiam streĉu super mia kapo lingvan ĉierarkon, en kiu mi vidas koleri ruĝan furiozon, ĝoji bluan gajecon kaj ridi flavan mokon. Suprenlevu min kaj forportu min, kien vi volas; mi nenion pli preferas ol esti senpotenca kontraŭ la potenco de via vorto.

Batu min per via vorto, turmentu min per via vorto, kaj ke via vorto

tiam denove falu sur min kiel pluvo de kisoj.

Tion mi bezonas, ĉar la literaturo, la lingvo, la Vorto estas mia amo por ĉiam.

Ho! donu al mi prozon por admiri, donu al mi lingvon por ami.

Mia ekzistado ne esta korpa, mia ekzistado estas nure spirita. Mi vidas lumi kolorojn, mi vidas ekzisti formojn, mi vidas ridi homojn. Sed ĉu mi vidas tion? Ne mi ne scias kio estas. La vivo forsusuras super mi kaj mi ne scias, ĉu ĝi estas vivo. Sed subite ĝi suprenvenas el l'abismo de mia animo; mi vidas ĝin duonlumi kaj etiĝi, ĝi leviĝas, ĝi alproksimiĝas senĉese, kaj ĝi ekmuĝas en mia koro ŝanceliĝanta, kaj ĝi tratremas mian nedecideman intelekton. Kaj mia kapo sin subenskuas, kaj la Vorto alteniras, alteniras super mi.

Mi scias la Vorton. Mi vidas la Vorton. La Vorto, sola, estas.

Tradukis el Nederlanda lingvo:
HECTOR VERMUYTEN.

---

# ZAMENHOFA MONUMENTO.

---

## GRAVA TAGO.

La 18-an de Januaro,ĉiuj anoj de Varsovia Monumento Komitato kune kun la plej proksimaj parencoj de nia kara Majstro kunvenis are ĉe la Tombejo,por saluti la jus alvenintan el Skotlando pretan Zamenhofan Monumenton.La Monumento feliĉe trapasis la maron,de Danzigo al Varsovio bone elportis la fervojon kaj liberigita de la limdepago dank'al la subteno de pola Registaro, ankaŭ de parto de la transporta tarifo. Dank'al la penoj de nia S-ano Aleksander Rozanykwiat posedanto de la loka konata Transport kaj Ekspeddomo,kiu oferis sian laboron tute senprofite, la monumento estis sendifekte transportita tombejon tuj post alveno, tie starigita laŭ la plano de ĝia autoro skulptisto Lubelski. Hodiaŭ la 18-an de Januaro, la Varsovia S-anaro kun la Monumenta Komitato speciale alvenis por kune solene festi tiun gravan por ni momenton. La Monumento plaĉis al ĉiuj, kvankam ĝi estas simpla kaj modesta, tamen faras tre estetikan impreson, ĝia modesteco similas bone la modestecon de nia Geniulo Zamenhof. Ĉiuj estis kortuŝitaj kaj sendis salutleterojn al la Internacia Monumenta Komitato, al U. E. A., k. t. p.

Ni atendas la oficialan solenan malkovron de l'Monumento. Tiu ĉi momento devas baldaŭ veni kaj allogi la alvenon de multaj samideanoj al la Tombo de la Majstro.

AD. OBERROTMAN,
Membro de l'Varsovia Monumenta Komitato.

---